TEĴA

Informilo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO
Sekretarejo: Värmlandsgatan 18, Göteborg.
Svedlando.




N:ro 2, 1947

## ESTRARKUNSIDO DE TEJA EN ZAANDAM, NEDERLANDO.

Niaj fakkunsidoj okazis en Bern kaj Aarhus, kie ni diskutis la statutojn kaj komisiis al la estraro perlabori la statutojn laŭ la direktivoj de tiuj kunsidoj. Ne multe diferecis inter la decidoj. Tial estis facile pretigi ilin.

La 20-an de septembro ni havis estrarkunsidon en Zaandam, Nederlando. Ĉeestis la prez. C.Hilmer Johansson kaj sekr. Einar Adamson el Svedlando, v.prez. Rich.G.Nielsen el Danlando. Krom tio ni invitis du Nederlandajn kolegojn, membrojn de TEJA, nia peranto en Nederlando: H.L. Hartog, Volendam kaj Gerard Lutkesleyer, Amsterdam.

Ni kune diskutis la diversajn decidojn pri la statutoj kaj la kompromiso de la estraro estas presita en ĉi-tiu numero de Informilo. Do, nia Asocio nun havas statutojn, tre grave por la daŭriga agado de TEJA.

Ĉar la v. prez. raportis ke la Berna kongreso tute ne aranĝis ion por la ĉeestantaj ĵurnalistoj, eĉ ne ĉambron por la ĵurnalista laboro, la estraro decidis komisii la estraron interkontakti kun LKK en Malmö por proponi diversajn aranĝojn por faciligi la laboron de la ĉeestantaj ĵurnalistoj dum la universala kongreso 1948, ĉar tio estas valora por la propagando. Inter alie ni petos ke LKK aranĝu ĵurnalistan ĉambron kun seĝoj kaj tabloj, tuj apud la kongreslokalo. Devas esti nur por ĵurnalistoj, kiuj povas montri ĵurnalistajn kartojn aŭ membrokartojn de TEJA. En la ĉambro devas esti du aŭ tri skribomaŝinoj.

Por la ĵurnalistoj devas esti aranĝata skribopaperoj kaj kuvertoj, se eble aĉeteblaj en la kongresejo, vidaĵkartojn, p.k kaj p.m. Se eble telefono, sed ne necesas se estas malfacile aranĝi. Esperantoparolanta gardisto-ino devas, per helpo de la kongressekretarioj doni raportojn al la ĵurnalistoj pri gravaj okazoj, decidoj k.t.p.. Povas esti kiu ajn lerta esperantisto-ino.

En la ĵurnalista ĉambro ankaŭ devas esti atingebla ĉiuspeca materialo pri la kongreso, sciigoj pri estraranoj, vojaĝtabeloj k.informaj libroj pri Svedlando.

Ankaŭ ni decidis petskribi al LKK ke esperanto-ĵurnalistoj, membroj de TEJA, kiuj aliĝas al la kongreso senpage ricevu kongreskartojn kaj kongresmaterialon kaj senkoste havu rajton viziti ĉiujn aranĝojn dum la kongreso. Ĉar la esperantoĵurnalistoj ja bone propagandas ili devas havi samajn rajtojn dum esperantokongreso, kiujn havas la ne-esperantistaj ĵurnalistoj, kaj ordinare aliaj kongresoj invitas ĉiam ĵurnalistojn. Tamen ni petos senpagajn kongreskartojn oni donu nur al la membroj de TEJA.

Krome la v. prez. proponis ke la kongreso elektu unu ĵurnaliston en la gazetserva komitato, se oni elektas tian.

---------

La prez. jam skribis al LKK pri tiuj deziroj. Kaj li persone petis ke LKK sendu ĉiun propagandomaterialon al ĉiuj membroj de TEJA, ĉar ili ĉiam estas pretaj agiti esperanton en siaj gazetoj.

LA PERANTOJ KAJ DELEGITOJ

al kiuj oni povas pagi la jarkotizon por 1948:

Ĉiuj povas pagi al sekr.kasisto: Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, GÖTEBORG, Svedlando

aŭ al:

AFRIKO: Red. de Afrika Revuo, redaktorino Irène Fink, Rue de Savorgnan de Brazzo, CASABLANCA, MAROKO,

ANGLUJO: S.M.Florence, ĵurnalisto 26 Seafield Drive West, Ĉefd. ABERDEEN, Skotlando

AŬSTRIO: E.J. Görlich, Prof.Dr., III.Messenhausergasse 4, WIEN

ARGENTINIO: Tibor Sekelj, ĵurnalisto, Gascón 75, 4/o i U.T.62-0583 BUENOS AIRES, Argentino, ĉefd.

BRAZILIO: D:ro Wilson Veado, advokato, ĵurnalisto, Rua Uberlandia, 290, BELO HORIZONTE, Brasilio. ĉefd.

ĈEĤOSLOVAKIO: Lâda^ Jam Voříšek, verkisto, ĵurnalisto, ZMOJNO, ĉefd.

ĈINIO: Eltunko, Ĵurnalisto, P.O.Box 115, CHENGTU, Ĉinio ĉefdel.

DANLANDO: Rich.G. Nielsen, redaktoro, pr HERLUFMAGLE, v.prez.

FINNLANDO: Niilo Kavenius, ĉefred. Biskopsg. I, TURKU, v. sekr.

FRANCIO: Andre Remond, redaktoro, 110 Boulevard de Clichy, PARIS ĉefdel.

GERMANLANDO: Herman Teobald, ĵurn. Im Hag 18, HAMBURG-Gr.FLOTTBEF Peranto

JUGOSLAVIO: Miroje Vuĉelic, ĵurn. Vlaŝka 80, ZAGREB, peranto

NEDERLANDO: H.L.Hartog, publicisto VOLENDAM, Peranto

NORVEGUJO: Lic.de filologio, Arnfinn Jensson, redaktoro, Box 948, OSLO, Estrarano de TEJA. /Eksterl.fako de NTB/

POLUJO: Mag Hortyński Stanislao, Ul II Listopada 74, BIALA KRAKOWSKA n:o I Peranto

PALESTINA: Yechezkel Armony, ĵurnalisto, P.O.B. 2171, HAIFA Peranto

SKOTLANDO: S.M.Florence, ĵurnalisto 26 Seafield Drive West, ABERDEEN Cefdel.

USONO: S.A.Klukowski, ĵuranlisto Interlingva Institucio, 3233 S. Springfield Ave, MILWAUKEE 7, Wis.USA Cefdel.

[illegible], BELGUJO, HUNGARUJO, IRLAND Rumanio, Svislando sendas direkte al Göteborg.

BULGARIO: Vitali Julzari, Rabotnichesko Delo, Angel Kanev 5 SOFI... Cefdelegito

////////////////////////////////////////////////////////////

ZAANDAM. Daŭrigo el paĝo I.

La sekr.raportis ke gen.sekr. de UEA proponis aliĝon de TEJA al UEA je kotizo de 20 svedaj kr. Car la sekretario-kasisto montris ke ekonomie estas eble aranĝi la aferon la estraro decidis aliĝon de TEJA al UEA.

Post kiam la prezidanto dankis pro interesa kunesto kaj pro bonaj proponoj kaj konstatis ke estis mallonga sed grava kunsideto, ni disiĝis

Jaro kaj tago et supera.

La sekretario

# STATUTARO

## de. TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO /TEJA/

§ I. Nomo kaj sidejo.
Nomo de la asocio estas: Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio-mallonge TEJA. La sidejo de la asocio estu fiksata laŭ la sidejo de la centra estraro.

§ 2. Celoj de la asocio.
La celo de TEJA estas kunigi ĉiujn ĵurnalistojn, kiuj scipovas esperanton, por komuna kunlaboro kaj kunhelpo rilate korespondado, interŝanĝo de artikoloj, enketoj, informoj pri diversaj demandoj. Per praktika laboro de esperantistaj ĵurnalistoj pruvi ke esperanto praktike povas servi al praktikaj celoj. Organizi fakkongresojn dum la internaciaj esperantokongresoj de UEA, SAT k.t.p. kaj aranĝi renkonton inter diverslandaj ĵurnalistoj, kiam ili vojaĝas helpi al ili.

§ 3. Enspezoj de la asocio.
Por povi realigi supre nomitaj celoj la asocio ricevadas monon per kotizoj.

§.4. MEMBRECO
La membroj konsistas el du kategorioj: A.kaj B-membroj.
A-membroj estas ĉiu ĵurnalisto, kiu apartenas al sialanda profesia asocio, aŭ kiu sin vivtenas per ĵurnalistiko kaj verkado, krome ĉiuj pensiitaj ĵurnalistoj.
B-membroj: tiuj, kiuj pli malpli okaze kunlaboras en diversaj gazetoj, verkistoj kaj redaktoroj de esperantaj ĵurnaloj.
La centra estraro rajtas eksigi membron, se tiu agas kontraŭ la celoj de la asocio aŭ faras sensolidarecajn agojn. Eksigita membro povas apelacii al la okazonta kongreso pere de centra estraro kaj fine, se ekzistas diversaj opinioj voĉdonado fiksas decidon pri la demando.

§ 5. Gvidado de la asocio.
Organoj de la asocio estas: la fakkongreso, voĉdonado kaj centra estraro.
Elektita estraro decidas inter la voĉdonadoj. Ĝi konsistas el prezidanto, sekretario, kasisto, vicprezidanto, vicsekretario kaj du konsilantaj membroj. Estas dezirinde ke la estraranoj loĝas en sama lando aŭ inter si proksimaj landoj.
Krome por ĉiu lando estu deputanto/reprezentanto/. Se pluraj membroj estas en sama lando ili kune elektas aŭ proponas reprezentanton, alie la estraro proponas.

§ 6. La centra estraro
Ĉiu tria jaro /I950, I953, I956 k.t.p. okazos elekto de centra estraro. La fakkongresoj dum la elektojaro proponas estrarajn kandidatojn, sed povas partopreni nur membroj, kiuj pagis samjaran kotizon kaj inter la proponitaj estas elektata la estraro per voĉdonado.
Se estas diversaj proponoj aŭ diskutoj pri kandidatoj la estraro post la elekto voĉdona donu al ĉiuj membroj raporton pri la voĉdono, kiu klare montras kiel ĉiu ano voĉdonis, por ke la kontrolo estu efektiva
La fakkongresoj ankaŭ proponas revizorojn, kiuj, se eble, loĝu en la sama lando kie estas la estrara sidejo.
Inter la kongresoj la estraro decidas, sed la fakkongresoj povas plendi aŭ fari proponojn pri ŝanĝoj kaj decidoj.

voĉdonadon ĝeneralan.
Se temas pri pli gravaj demandoj oni uzas
estraranoj kaj revizoroj oni
Por sama tempo kiel estas elektitaj
anksu elektas anstataŭantojn.
membroj pagintaj sian samja-
En la fakkongresoj povas voĉdoni nur
ran kotizon.La samo validas en la ĝenerala voĉdonado.

eble plej baldaŭ sendi
Post la fakkongreso la estraro devas kiel
la membroj samtempe oni fiksas la daton por la
la proponojn al
fina voĉdonado. Por esti validaj la voĉoj devas esti en la manoj
de la estraro plej malfrue duonjaron post la koncerna fakkongreso.
Se la fakkongreso okazas dum augusto kaj oni proponas estraron
tiam,la balotado devas esti finita la 3I-an de januaro venontan
jaron kaj dum februaro samjare la estraro devas konigi al la mem-
broj la rezulton. La foririntaj postenhavantoj se eble devas trans-
doni siajn postenojn al la novelektitoj la unuan de marto saman
jaron.

§ 7. <u>Taskoj de la estraro estas:</u>

efektivigo de la kongresaj decidoj kaj decidoj faritaj per
voĉdonado,labori por realigo de asociaj celoj,kunvoki al fakkon-
gresoj kaj en la sekretarejo konservi liston de ĉiuj partoprenontaj
membroj,sufiĉe frue konigi al la aliĝintoj la nomaron de partopre-
nontoj,sendi al la fakkongreso koncernajn proponojn kaj prepari
tagordon por tiuj,kiuj prizorgas la aranĝoj de la fakkongreso,se
la estraro estas malhelpata mem partopreni, kontinue sendi al la
membroj listojn pri novaliĝintaj membroj,respondi al demandoj
de anoj kaj de esperantistaj ĵurnalistoj.

<u>Ŝanĝoj de ĉi tiuj statutoj povas okazi nur ĉe fakkongreso
aŭ per referendumo.</u>

^^^^^^^ ^^^^^^^ ^^^^^^^ ^^^^^^ ^^^^^^ ^^^^^ ^^^^^ ^
^^^ ^^^^^^^ ^^^^^^ ^^^^^^ ^^^^^^^ ^^^^^ ^^^^^ ^^

VENONTA NUMERO APEROS JE LA
NOVJARO kaj enhavos kompletan
liston de TEJA-membroj. La In-
formilon ni sendos nur al la
membroj,kiuj pagis la jarkoti-
zon por I948 kaj poste al la
novaj membroj kiam ili pagos.
Ĉar ankaŭ stenciligita gazeto
kostas monon estas necese tiel
aranĝi.

La kotizo ĝenerale estas
por I948 I amerikana dolaro aŭ
sama valoro,Tamen ni fiksis por
kelkaj landoj:

SVEDLANDO: 5 svedaj kronoj
Norvegujo: 5 norvegaj kr.
Danlando: 5 danaj kr.
Finnlando: I50 f.markoj
Francujo: I20 fr. frankoj
Hungarujo: I2 hungaraj flore-
noj. Bulgario: 200 leva.

Ĉinio,Germanlando,Aŭstrio,
Bulgario kaj Polio laŭ specialaj
petoj dum nunan cirkonstancoj pagos nur duonan amerik. dolaron.

La skandinavaj landoj pagas
do nune pli ol la aliaj por tia-
maniere kovri la deficiton de la
landoj,kie estas nune pli malbona
ekonomia situacio.

^^^^ ^^^

D:ro HANS UNGER,Ĉefredaktoro de
Swisspress en Zurich 8 ,Svislando,
Muhlebachstr. 47 /Pro daŭran voj-
aĝado en eksterlando kaj tro da
laboro nun ne deziras havi novajn
korespondantojn.

^^^^^^^^^^^^^^^
^^^^^^^^^^^^^^^